"Ankaŭ mi, kiu ne tre multe konas la argentinan movadon, havis la okazon scii pri la Esperanto-agado de Werner Schad. Mi petas la argentinajn esperantistojn transdoni al la familio la kondolencojn de la internacia Esperanto-movado!"

*Renato Corsetti*
*Prezidanto de UEA*

* Hispanligva informo pri W. Schad *

# El Prof. Werner Schad

[1926-2006]

Nacido en Alemania en 1926, a Werner Schad le tocó participar en la II Guerra Mundial como joven soldado, con ingratas experiencias.

Luego de la guerra obtuvo una beca para estudiar en la Universidad, en Frankfurt, donde hacia 1950 ya se había doctorado en lingüística, con especialización en lenguas neolatinas. Estudió muy bien el latín y luego aprendió el esperanto, el español y también estudió el chino, con la idea de viajar a ese país.

Para ganarse la vida mientras trataba de dedicarse a la enseñanza, había hecho un curso de periodismo y empezó a escribir en diarios y revistas. Y fue el periodismo y su vocación de viajero y explorador, lo que finalmente lo trajo hasta Bariloche, en Argentina, donde lo hemos conocido como esperantista, miembro de UEA y AEL y del *"Barilochea Esperanto-Rondo"*.

Estando todavía en la Alemania de la posguerra, aceptó ingresar al *"Frankfurter Allgemeine*", uno de los principales diarios alemanes. Después de un tiempo, ya que sabía el español, lo enviaron como corresponsal a Venezuela.

Ejerció el periodismo en este diario y se contactó con exploradores a los que acompañó en viajes por Venezuela, Colombia, Perú, etc., escribiendo algunos libros en alemán y castellano al respecto. El diario le encomendaba hacer entrevistas a políticos y personajes importantes de Latinoamérica, por lo que escribió miles de artículos en alemán en este periódico, que eran valorados por su objetividad y precisión.

Se radicó luego en Bariloche, en la península de San Pedro sobre el lago Nahuel Huapi, donde tenía compañeros y amigos, dedicándose durante algunos años a explorar los ríos de la Patagonia, tema sobre el que publicó varios libros en Argentina, y a escalar las montañas de esta región y el sur de Chile. En 1979, realizó la experiencia de sobrevivir sólo y sin llevar alimentos en plena montaña, en las cercanías del Lago Steffen, aunque declaró que por falta de fuerza de voluntad no logró llegar a los 30 días y tuvo que ser rescatado por una patrulla.

En Bariloche enseñaba alemán e inglés y en los últimos 25 años, se dedicó a propagar el Esperanto en toda la región y el sur de Chile, a través de su *"Centminuta Kurso"*, [Curso en 100 minutos] con el cual el alumno recibe las bases del Esperanto, para continuar estudiando.

Creó una biblioteca y fundó el *"Barilochea Esperanto-Rondo"* y otros círculos de Esperanto, en El Bolsón, Villa La Angostura, San Martín de los Andes, etc.

Escribió un centenar de artículos en Esperanto en la revista "MONATO", algunos de los cuales fueron luego editados luego como libros. También publicó artículos en la revista *"Esperanto"* de UEA y en *"Argentina E-Vento"* de AEL y

participó muchas veces, como miembro de UEA y AEL, en asambleas y congresos. Fue un esperantista convencido de la viabilidad del proyecto Esperanto como lengua común para la humanidad y trabajó con entusiasmo incansable por este ideal. Era muy conocido en toda la región y en la comunidad de origen alemán de Bariloche.

Nos quedan sus libros en castellano, alemán y Esperanto, además de algunos miles de artículos publicados en diarios y revistas. Fue un esperantista modelo, activo y entusiasta hasta el fin, que se fue a los 80 años, con su misión cumplida.

Murió en plena montaña, a donde había salido sólo, como acostumbraba, con su mochila, carpa y bolsa de dormir, para vivir algunos días en plena naturaleza.

Lo encontró una patrulla el 27 de marzo de 2006. Habían salido a buscarlo, luego de comprobar que no había regresado a su casa. Muchas veces había declarado, que ésa para él iba a ser la forma más perfecta de morir.

Los diarios "Clarín" de Buenos Aires y "El Cordillerano" de Río Negro, del 27 de marzo, publicaron los detalles de su fallecimiento.

Se completará su biografía con más datos en la Enciclopedia Virtual WIKIPEDIA. *(RoSar)*

## Radio-elsendo en Esperanto

Aŭskultu "Esperanza-urbo al mondo-n", 15-minuta informa programeto en E-o el Esperanza-urbo, Santa Fe-provinco, Argentino, ĉe
http://www.fmaaroncastellanos.com.ar/
aŭ
http://www.fmaaroncastellanos.8m.com/
ĉiu vendredo je la 18:15 [21:15 laŭ UTC] aŭ per modula frekvenco 107.1 mhz.

*Abel Weiner*

## Televid-programo pri Esperanto

Ni ricevis proponon por partopreni en speciala programo *"Trece Tribus" [Dek tri triboj],*de la televidkanalo *"Ciudad Abierta"*. La serio estos 30-minutaj programoj pri diversaj temoj, inter ili Esperanto. Eksurvidbendigo de la E-televid-programo okazis en la sidejo de BEA, sabate, la 22-an de aprilo 2006, de 10H00 ĝis 15H00. Mi pensas ke estos bonega okazo por montri (en aŭgusto aŭ oktobro) niajn spertojn kaj praktikan utiligon de nia kara lingvo Esperanto

*Jorge Cabrera*

# Amerike

## S-ro Vergara gvidas la Amerikan Komisionon

La Estraro de UEA elektis la ĉilian komitatanon José Antonio Vergara kiel novan kunordiganton de la Komisiono pri Amerika Agado. S-ro Vergara transprenas la taskon de Atilio Orellana Rojas (Argentino/Nederlando), kiu plenumis ĝin preskaŭ seninterrompe ekde 1995 kaj plu restas membro de la Komisiono. Post dujara paŭzo revenas al la Komisiono Adonis Saliba (Brazilo). La ceteraj komisionanoj estas Normand Fleury (Kanado), Luis Raudón (Meksiko), Rafael Despradel (Dominika Respubliko), Juan Ramón Rodríguez Gómez (Kubo) kaj Maurício Signorini Prado de Almeida (Brazilo).

*Gazetara Komunikoj de UEA, n-ro 227*

## Internacia TV tremas

Se Ĝangalo kaj Internacia Televido bone eĥas ekster Esperantujo, ene de nia konkeca komunumo, la aferoj en marŝas tiel bone. Kunlaborantino de ITV en Pollando komentis kun granda miro, ke ŝi konstatis, dum ekskurso de E-istoj polaj al iu urbo, ke nur 10% el ili scias pri la ekzisto de televidkanalo en E-o. Kaj el tiuj 10% kiuj sciis pri kio temas, nur tri personoj diris esti konstantaj spektantoj de la televido.

Antaŭ kelkaj semajnoj ni lanĉis alvokon por ke dek (nur dek) E-istoj subtenu la televidon per monataj monkontribuoj – neniu kontaktis nin. Tiel staras la apogo al Internacia Televido nuntempe.

*Flavio Rebelo*
*Heroldo de Esperanto, n-ro 3/2006, p. 2*

## E-Renkontiĝo en Kubo

De la 14-a ĝis la 16-a de aprilo 2006, sepdeko da esperantistoj el diversaj kubaj regionoj, renkontiĝis en la kampadejo *Los Cantiles* [la kantiloj], sub la temo: "Esperanto en la 21-jarcento: nuntempo kaj estonteco".

Cantil (Kantil') estas marborda aŭ riverborda loko kie formiĝis tupoj, kaj en *Los Cantiles* estas multaj ŝtupoj ambaŭflanke de la rivero. La ĉeestantoj ĝuis la belecon de la provinco antaŭ ol translokiĝi al la kampadejo. La havananoj multe miris pri la pureco kaj beleco de la urbo Bajamo, kiu estas vera juvelo. Ni trairis la bulvardon, en kiu nun estas farataj laboroj por plilongigo. Ĝi estas unu el la plej belaj en nia lando.

Prelegoj, artaj prezentoj, konkursoj kaj distrado kuniĝis en riĉa programaro organizata de la provinca estraro.

La evento havis tre agrablan etoson kaj ni ĉiuj kontentis, kun la espero, ke venontjare la provinca filio Granma faru similan eventon.

Raportis: Rafael Cabrera kaj Tirso Ávila. Pli kompleta raporto kun fotoj videblas en: http://www.esiss.co.cu/esperanto/noticoj/2006/cantiles.htm

*Norberto Díaz Guevara*
*Nacia estrarano pri informado*
*Kuba Esperanto-Asocio*

# Internacie

## Esperantologio dum la Universala Kongreso

La Esperantologia Konferenco de la ĉi-jara Universala Kongreso en Florenco (29 julio - 5 aŭgusto) havos kiel temon "Esperantologio kaj la Interreto". Bonvenaj estos kontribuoj pri scienca pritraktado de Esperanto en la Interreto kaj pri la Interreto kiel helpilo por Esperantologoj. Aparte kuraĝigataj estos kontribuoj de junaj Esperantologoj. La Konferencon organizas ĉi-jare Bertilo Wennergren.

ESF *("Esperantic Studies Foundation"),* kiu subtenas la Konferencon, planas aperigi la referaĵojn en sia TTT-ejo kaj eble ankaŭ en presita formo. La referaĵoj tial prefere enhavu Angla-lingvan resumon.

Interesatoj bv. anonci sin ĉe Bertilo Wennergren retpoŝte: bertilow@gmail.com

*INFORMITALE 71*
*Oficiala inform-servo de*
*Itala Esperanto-Federacio*

## *Boris Kolker* ĉampionis por la kvara fojo

Kiel ĉiujare ekde 2002, "Vojaĝo en Esperanto-lando", perfektiga lernolibro de Esperanto kaj gvidlibro pri la Esperanta kulturo, estis la plej multe vendita titolo en la Libroservo de UEA en 2005.

Kvankam tiu verko de Boris Kolker fariĝis denove aĉetebla nur en julio, kiam aperis ĝia tria eldono, en duona jaro ĝi estis vendita en 440 ekzempleroj. Plejparte la Libroservo vendis ĝin al aliaj libroservoj, kursgvidantoj k.a. kvantaj aĉetantoj, dum ĉe la pinto de la statistiko de unuekzempleraj aĉetoj estas alia novaĵo de UEA, "Sed homoj kun homoj" de Z. M. Sikosek pri la 100-jara tradicio de Universalaj Kongresoj, kiun aĉetis 62 individuaj klientoj. Entute la verko de Sikosek vendiĝis en 267 ekz. kaj devis cedi en la statistiko de totalaj vendoj, krom al "Vojaĝo", nur al la adresaro de Pasporta Servo, kiu ĉiujare troviĝas inter la pintaj furoraĵoj.

En la listo de ĉiuj vendoj 11 titoloj el 20 estas eldonaĵoj de UEA aŭ TEJO. La plej sukcesa titolo de alia eldonejo estis la bildvortaro "Mil unuaj vortoj en Esperanto" (173) kaj la nova volumo kun aventuroj de la bildstria heroo Tinĉjo (165). Notinda estas la bona vendiĝo de "Manlibro pri instruado de Esperanto" (101), redaktita de K. Kovats, kaj "Historio de Esperanto" (86) de A. Korĵenkov. Ambaŭ estas verkoj, por kiuj ekzistis vera merkata bezono, kaj sekve la venda sukceso venis kiel natura rezulto.

Ankaŭ pasintjare neniu kompakta disko konkeris lokon en la furorlisto de totalaj vendoj. En tiu de unuopaj vendoj troviĝas la nova Kajto-disko "Lokomotivo, rulu nun!" (19) kaj, konvene por la jubilea jaro, "Universalaj Kongresoj" (18), kolekto de sondokumentoj el UK-oj de 1955 ĝis 1998. Kun 53 ekz. la UK-disko de Sikosek estis pli populara rilate sumajn vendojn ol la disko de Kajto, de kiu vendiĝis 44 ekz.

Ĝojige estis, ke la totala volumeno de vendoj de la Libroservo de UEA kreskis en 2005. La malneta vendosumo estis 128 021 eŭroj, kio superas per 5,5% la vendojn en 2004, kiam ili sumiĝis je 121 374 eŭroj. Ĉar la nederlanda inflacio estis 1,7%, temis pri rimarkinda reala kresko.

*Gazetaraj Komunikoj de UEA, n-ro 228*

## Projekto Indiĝenaj Popoloj

Kiel ĉiuj gravaj grupoj, la Esperanto-movado devas konservi sian esencon kaj sian bazan signifon. Tamen, ĝi ankaŭ devas ŝangi kaj evolui, por ke ĝi ne perdu la kapablon esprimi kaj realigi tiun esencon kaj tiun signifon.

Inter la bazaj dokumentoj de la Esperanto-movado estas la Statuto de UEA. Artikolo tri de la statuto deklaras ke UEA, kaj pro tio la Esperantistaro, devas ne nur disvastigi la uzadon de Esperanto kaj agadi por solvi la monda lingva problemo, sed ankaŭ "plifaciligi la ĉiuspecajn spiritajn kaj materialajn rilatojn inter la homoj, malgraŭ diferencoj de nacieco, raso, sekso, religio, politiko, aŭ lingvo".

Tiu citaĵo indikas la direkto laŭ kiu vojaĝas la Projekto Indiĝenaj Popoloj. PIP celas fari kontakton kun indiĝenaj popoloj por informi al ili pri la ekzisto kaj la celoj de Esperanto, kaj pri la manieroj per kiuj indiĝenaj popoloj povos uzi Esperanton; ĝi celas ebligi al la indiĝenaj popoloj kontakton kun interretaj Esperanto-kursoj, inter aliaj rimedoj, por ke anoj de la indiĝenaj popoloj relative facile lernu la lingvon. Sed kial PIP celas indiĝenajn kulturojn? Kaj kion faru individuoj el tiuj kulturoj post kiam ili lernos Esperanton? Por konvene respondi al tiu demando, ni unue rigardu la situacion de multaj indiĝenoj kaj iliaj kulturoj tra la mondo. Indiĝenaj popoloj ofte havas problemojn trovi manieron starigi taŭgan rilaton inter sia kulturo kaj la pli moderna kulturo apud ili. La rezulto de tiu situacioj estas gravaj perdoj: la indiĝenaj kulturoj kaj individuaj indiĝenoj ofte perdas sian terenon, vivmanieron, sanon,

kaj eĉ vivon. Aliflanke, la modernaj kulturoj kaj individuoj ofte perdas valorajn sciojn pri la indiĝenaj kulturoj kaj, eĉ pli grave, perdas okazojn trakti respektoplene kaj lerneme aliajn homojn kaj aliajn kulturojn.

PIP kredas ke kiam indiĝenaj popoloj havos kontakton *inter si* per Esperanto kaj la Interreto, ili povos praktike kaj emocie subteni sin per interŝanĝado de informoj kaj per la komuna solvado de problemoj similaj en diversaj mondpartoj, ekzemple: teren-posedado, sano, taŭgaj ŝanĝoj pri edukado kaj ekonomia vivo, kaj reciproka respekto por kaj disvolviĝo de siaj kulturoj. Tio, laŭ PIP, estos konvena esprimo de artikolo tri de la Statuto de UEA. Kompreneble, PIP devos multe kaj saĝe labori por atingi siajn celojn. Inter aliaj paŝoj, ĝi devos:

---tutmonde kontakti indiĝenajn grupojn diversspecajn

---klarigi la celojn de Esperanto kaj la manierojn per kiuj indiĝenaj grupoj povos uzi Esperanton por plibonigi sian situacion

---evolui siajn rilatojn kun aliaj grupoj kiuj celas helpi indiĝenajn kulturojn kaj interretan edukadon

---certigi ke indiĝenaj grupoj havos taŭgajn lernilojn kaj ricevos necesan helpon pri la lernoprocedo

---provizi al indiĝnaj grupoj informon pri kontakto kun similaj grupoj por interkoniĝo kaj kuna laboro

---informi pri la laboro de PIP al registaraj, internaciaj, kaj aliaj instancoj kaj grupoj.

PIP nun serĉas personojn de diversaj lingvaj kaj kulturaj scioj, personojn de diversaj lertecoj, kaj personojn kiuj havas fortan intereson pri la indiĝenaj kulturoj de la mondo. Por komenci vian kunlaboradon kun PIP, bonvole kontaktu: Agavo (Erik) Felker ĉe:

<ejfelker@dslextreme.com>.

# E – D i s v a s t i g o

## *Adolfo Bioy Casares* kaj Esperanto en la Muzea Nokto de Roterdamo

*Inter la 4-a kaj 5-a de marto 2006 okazis la kvina Muzea Nokto de Roterdamo, dum kiu muzeoj, artgalerioj k.a. estis malfermitaj ĝis la 2-a horo nokte.*

La hispana artisto David Maroto, loĝanta en Roterdamo, malfermis tiam ekspozicion de skulptaĵoj kaj instalaĵoj kiel la lastan, kvaran parton de sia artprojekto “Dua Cirklo/Ludreguloj”. La lasta parto *“Cul de sac”* [“Senelirejo”], temis pri la maleblo komunikiĝi. Kadre de tiu temo okazis kvizo, por kies realigo jam en januaro Maroto petis helpon de la Centra Oficejo de UEA por realigi lige de sia ekspozio aranĝon kun esenca rolo por Esperanto.

Pere de la CO ekestis kunlaboro inter Maroto kaj Francisco Veuthey, el kiu rezultis programero, dum kiu Veuthey legis fragmentojn el la romano "La inventaĵo de Morel" de la argentina verkisto Adolfo Bioy Casares, kiujn li esperantigis laŭ peto de Maroto. La pli ol 100-kapa publiko devis diveni, en kiu lingvo okazas la legado kaj pri kiu verko temas. La legado daŭris pli ol tri minutojn, ĝis aperis la ĝusta respondo post la unue proponitaj itala, latina, korsika, retoromanĉa, portugala kaj rumana. Kelkaj pliaj minutoj kun helpaj sugestoj de la programestro necesis, ĝis iu divenis la nomon de la romano. La divenInto de la lingvo estis premiita per disko de la grupo "Kaj tiel plu" kun mezepokeca muziko, dum la divenInto de la romano ricevis ĝian anglan eldonon. La tuta aranĝo estis filmita kaj la filmo prezentita en la oficiala inaŭguro de la ekspozicio la 9-an de

marto, kie la kvizo pri lingvo kaj verko estis ripetita. Oni montros la filmon ankaŭ en la Malferma Tago de la CO la 13-an de majo.

En 1998 Francisco Veuthey renkontiĝis kun la verkisto Bioy Casares (1914-1999) en Roterdamo. Tiam Veuthey demandis la faman aŭtoron de fantastaj rakontoj pri lia sinteno al Esperanto. La aŭtoro respondis: "Ĉiam ŝajnis al mi bona la ideo pri internacia lingvo. Esperanto havas mian plenan aprobon, kvankam mi neniam inkludigis ĝin aŭ menciis ĝin en miaj verkoj simple pro tio, ke mi ne konas ĝin kaj neniam studis ĝin."

*Gazetara Komunikoj de UEA, n-ro 228, Esperanto, aprilo 2006*

## Pasporta Servo naskiĝis en Argentino

*Ĝenerale oni jam scias, ke Pasporta Servo naskiĝis en Argentino en 1966, laŭ ideo fare de Rubén Felman González kaj kiel servo por la junaj vojaĝemaj geesperantistoj de Argent-EJO kaj poste oni transdonis ĝin al UEA, kaj TEJO prenis tiun servon en 1974 kaj nun fariĝis internacia. Sed ofte oni ne scias kiel komencis tiun ideon en tiu tempo. Jen vortoj de la kunfondinto de PS.*

"Ekde 1966 en mia vivo estis fajregoj, inundoj, pluvegoj, uraganoj, ventegoj, lavangoj kaj simplaj translokiĝoj trans-hemisfere, kaj katastrofoj kiuj lasis min nuda meze de la kaoso de la mondo.

De tiu epoko mi eĉ forviŝis la memorojn (ĉiuj estas teruraj kaj plenaj de malaperintaj geamikoj). Feliĉe nenio restas de tiam.

Per senfinaj kaj senmonaj klopodoj mi sola atingis de Rosario gastigantojn en Argentino, Brazilo, Usono (nur s-ro Helmuth), Venezuelo (Bachrich), Ĉilio, Peruo kaj Francio.Tio estis en 1966.

La polico venis ofte al gepatra luata dometo por demandi minace kial mi komunikiĝis kun tiom da "eksterlandanoj".

Kiam mi iris al Patagonio en 1969, por labori por la *Mapuches* kiel pediatro feliĉe Jean Marie Cash transprenis la laboron en Francio kaj la cetero estas historio.

Restas nur bonaj amikoj kiel vi klopodante retrovi bonan laboron de iu bona junulo. Kunlaboris tiam Humprey Tonkin (senlaca anglo en Universitato Pensilvania en Usono), tiama prezidanto de TEJO kaj Ivo Lapenna (jugoslavo, heroo de la Dua Mondmilito), tiama prezidanto de UEA.

Mi ĝojas ke tiu semo (kaj bonaj memoroj) ne perdiĝis!"

*D-roRubén Feldman González*

# El la Leterkesto

## Peto el Ĉinio

Ni estas Tangshan-a Esperanto-Asocio. Hodiaŭ ni skribas leteron al vi por unu peto.

Kurantjaro estas la 20-a datreveno fondita de nia Esperanto-asocio, En la 15-a de decembro ni aranĝos kongreson kaj ekspozicion. Unu el la ekspozicion estas eksponi monerojn kaj uzitajn kovertojn de diverslandoj. Sed tre bedaŭrinde, ĝis nun ni en havas monerojn kaj uzitajn kovertojn de via lando. Ĉu vi povas sendi al ni unu serion da moneroj de via lando? Se vi bezonos ion de nia lando, ni povas sendi al vi. Ĉu vi volas helpi nin? Ni atendas vian respondon. Nia posta adreso estas jene:

T E A, P.O. Box 3,
CN-063000
Tangshan Hebei, Ĉinio.

*Antaŭdankon! Via, T E A*

# Distraĵo

## Humuro- amuzaĵoj- kuriozaĵoj

Ĉe bushaltejo maljunulino demandas iun viron:
- Kiun buson mi uzu, por alveni al la tombejo?
La viro post ioma pripenso respondas:
- Verŝajne tiun, kies bremsoj misfunkcias.

**--o--**

- Kara najbaro, ĉu vi uzos hodiaŭ vian martelon?
- Jes, nepre, mi bezonos ĝin dum la tuta tago!
- Bonege, do ĉu vi povas pruntedoni por hodiaŭ la fiŝkaptilon?

**--o--**

**Langokaptiloj en lingvo Esperanto**

1.- Petro, nepre prenu la permeson de la patro por partopreni entreprenon.
2.- Ĉu ŝi ĉiam ĉe ĉio ruĝiĝas?
3.- Ĉu ŝi scias se ĉi-scene la sklavo ŝtelos la sceptron?
4.- Ŝi ŝerce ŝanĝis la ŝarĝon
5.- Tri tre drinkemaj fratoj trafis truon tremantan de l ' trotuaro.
6.- Ne ploru, plorulino, pro propra plaĉo kaj plezuro.

**--o--**

- Kial vi ploregas Maria?
Mia edzo min jam plu ne amas!
Ĝis hieraŭ mi vekis lin per kiso.
Kaj hodiaŭ – li aĉetis horloĝon...

**--o--**

Viro ekvidis belulinon kaj li diris:
- Kiel belega vi estas! kaj ŝi respondis:
- Dankon! Sed bedaŭrinde mi ne povas diri la samon al vi...
- Nu, faru kiel mi, ne diru la veron!!!

**--o—**

Malfacila problemo: Morgaŭ okazos bankedo kaj mi pripensas ĉu iri ĉu ne?
- Kiu pagos la bankedon?
Mi

**--o--**

**Vivsavanta ĉirkaŭbrakumo**

En iu gazeto aperis foto pri du beboj. Laŭ artikolo temas pri unusemajnaj ĝemeloj. Ambaŭ estis metitaj en inkubatoroj. Laŭ aspekto nur unu el ili havis esperon resti en vivo.

Zorgistino de la hospitalo kontraŭ reguloj metis la du bebojn en la saman inkubatoron.
Kiam ili estis kunmetitaj samloke, la pli sana kaj forta bebo unu braketon transmetis kaj ĉirkaŭbrakumis sian fratineton kaj ili tiel kuŝis unu apud alia.

Post iom da tempo la korbato de la pli malforta bebo stariĝis kaj ankaŭ la korptemperaturo atingis la normalan nivelon.

Milda atentigo:

"Ne forgesu ĉirkaŭbrakumi tiujn, kiujn ni amas".

*Kontribuaĵoj:*
*Rubén Feldman González M.D.[MX];*
*revuoj Antaŭen [ES], kaj Bazaro [RO].*

Via kontribuo estas bonvena.

# A n u n c i o s

## AEL necesita su adhesión

Si Ud desea abonar su adhesión o colaborar con las tareas de AEL envíe su donación mediante depósito en Banco Francés, [sin costo], cuenta N° 147-005789/3, a nombre de
Alcides Pieter Wentinck
DNI 93.709.394
Calle Libertad 3226
B1602DJD Florida, Vicente López
Buenos Aires
y luego indefectiblemente informe sobre dicha operación a:
<wanelec@sion.com>

Si desea colaborar con la edición y distribución de la revista ***Argentina E-Vento*** también puede enviar su contribución mediante el "Banco Patagonia", depositando su aporte en "Caja de Ahorro" suc. 110, Sáenz Peña, cuenta N° 394101439, del Sr. Oscar C. Monge, [sólo se descontará $4,84 como gasto bancario por depósito]. Rogamos informar sobre su operación a esta redacción:
<rubendiaconu@yahoo.com.ar>.

## Agradecimientos

Por las adhesiones y colaboraciones recibidas AEL agradece a:

M. Berna Morzán [Chaco], F. Inocencio [Buenos Aires], NN [Chaco], H. Guiot [Italia], J. Drucker [Catamarca].

## AEL Jarkotizo

Individua Membro:..........$ 20,00
Junulo kaj Emerito:..........$ 10,00
Virtuala Membro kaj
donacoj: ........................ laŭvole

## Libroservo

Para obtener material impreso en y/o sobre Esperanto consulte al Libroservo de AEL. Visite nuestra página Web ó escriba a:

René Arce
9 de Julio 1586
X5000 Córdoba

## Ni ricevis

La Redakcio kore dankas pro jenaj E-ricevaĵoj: Esperanto [NL], Heroldo de Esperanto [CH], La KancerKliniko [FR], Avanco [CU], La Espero [SE], Bazaro [RO], Antaŭen [ES], Oomoto [JP]

Se via sendo ne aperas Bv. informi al la Redakcio. Vd. p. 2

## ¡Oportunidad!

Si desea enriquecer su biblioteca, solicite algunos de estos libros:
**Esperanta Antologio**, 1887-1981, 887 p. (12 dól.) oferta sólo 25 pesos.
**Lexicón Sopena**, Esperanto-Español Español-Esperanto. 384 p. (bolsillo) (8 dól.) oferta solo 20 pesos.
**Luĉifero,** Mihai Eminescu, 48 p. (trad. al E-o) oferta 10 pesos.
(*) Más gastos de envío. Contacte a la redacción. Ver pág. 2

# Nova TTT-ejo

Mi havas bonegan novaĵon. Ni ĵus finis krei bonegan paĝon, kiu ne nur estos utila por ni, sed ankaŭ por la tuta mondo. Jen la adreso de la paĝo:
http://laponto.esperanto.org.ar

Temas pri paĝoj por traduki subtitolojn de filmoj el ajna lingvo al ajna lingvo, uzante Esperanton kiel lingvan ponton. Do, per la paĝo ni povas krei datumbazon de subtitoloj en Esperanto, tradukitaj el la hispana. Kaj ĉiuj en la tuta mondo povas fari la samon. Kaj poste, se iu volas la tradukon de, ekzemple, hispana filmo en la rusa, se ni jam tradukis la filmon al Esperanto, la rusa popolo povos traduki ĝin al la rusa. Bone, vi komprenas la ideon. Tio estis la ideo de Esperanto, ĉu ne? Agi kiel ponto lingva.

Ankaŭ, per la paĝo oni povas praktiki sian Esperanton. Kaj ne nur tio: kiam vi ŝanĝas la tradukon de iu persono, ĉar eble li faris eraron, vi povas klarigi al li la eraron. Do, la sistemo ankaŭ taŭgas por lerni Esperanton. La paĝo ankoraŭ ne donas multan helpon al nova uzanto. Bonvolu uzi la forumojn por demandi:
http://esperanto.org.ar/foros/index.php?c=5

**Jen starta paĝo:**

**La Ponto** estas retpaĝo por kunlabore traduki filmojn el ajna lingvo al ajna alia lingvo, uzante Esperanton kiel ponton.

**La Ponto** helpas organizi la tradukadon. Tio signifas: por traduki filmon el la hispana al la franca, ekzemple, unue oni tradukas ĝin el la hispana al Esperanto, kaj poste el Esperanto al la franca.

Se iu lando volas montri siajn filmojn al la mondo, la sola afero, kiun ĝi devas fari, estas traduki ilin al Esperanto. Poste, ĉiu alia lando akiras aŭtomate la tradukon (en Esperanto), povante traduki ĝin al sia nacia lingvo.

**Kiel komenci?**

Se vi jam havas dosieron kun subtitoloj de filmo en iu lingvo, registriĝu kaj poste kreu novan filmon kun tiu subtitol-dosiero (unue kontrolu ke la filmo ne estas jam tradukata).

Se vi ne havas dosieron kun subtitoloj, aŭ vi povas serĉi en interreto, aŭ vi povas partopreni teamon de tradukado. Simple registriĝu, serĉu filmon (en la dekstra skatolo), kaj petu partopreni.

***Ary Borenszweig***

**Redakcio de Argentina E-Ligo:** Calles 119 y 122, AR-H3700FTT Pres.R. Sáenz Peña, Argentino



**Sr/ra :**